# Hamburg Esperanto



6/1994
Decembro/Januaro '95
Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



**Ni deziras al ĉiuj membroj kaj amikoj ĝojan Kristnaskon kaj feliĉan novan jaron 1995!**

la estraro de HES

## Zamenhoffesto 10 - 12 - 1994

**Hamburg (ehh). La ĉi-jara Zamenhoffesto komenciĝos je la 19a horo. Kiel kutime la programo enhavos riĉan menuon, variajn prelegetojn kaj muzikon. Ĉiu el la manĝometoj estas specialaĵo, kian oni ne trovas en kutimaj menuoj — por vegetaranoj ekzistas speciala manĝaĵo.**

*Daŭrigo sur paĝo 3*

**Bonvolu ne forgesi vian kotiz-pagon por la jaro 1995!**

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 1/1995:**
**12 - 1 - 95**

## Sentenco

**Kristnasko estas bela festo — se oni ne estas ansero.**

N.N.

## Nova luanto

Finfine la 21an de Oktobro 1994 en la Hamburga Esperanto–Domo estis subskribita nova lukontrakto. La nova luanto de la oficejo nomiĝas *Joachim Garbe* kaj li gvidas entreprenon por disvendi produktojn el manufakturoj de blinduloj. Estas tiu sama okupo, kiun antaŭ kelkaj jaroj faris unuopaj vendistoj, kiuj iris de pordo al pordo kun ne tre granda sukceso. Hodiaŭ la vendado de tiaj produktoj okazas laŭ moderna metodo: Per telefonaj kontaktoj oni eltrovas pagivajn klientojn, kiuj regule aĉetas brosojn, balailojn kaj tukojn el blindul–manufakturoj. Fakte ankaŭ estas en nia intereso, ke multaj entreprenoj en Germanio aĉetos varojn el manufakturoj de blinduloj — unue pro la bona celo kaj due pro nia intereso je ĉiumonata lupago. Do ni deziras bonan sukceson!

## Nova numero de Wielgus-oj

Ekde Novembro ges-roj Wielgus havas novan telefon-numeron; aldoniĝas al la malnova unu cifero en la tria loko:

**2542936**

# Zamenhoffesto 1994

**La 10an de Decembro, je la 19a horo komenciĝos nia tradicia Zamenhoffesto en la suba salono de nia Esperanto-Domo. Necesas antaŭa anonco kaj menu-mendo.**

**Programo de la vespero:**

***Salutvortoj de la prezidanto***
**Unua manĝometo:** *Karea kremsupo*
***Prelegeto:*** *Zamenhofa verkaro (Hella Lanka)*
**Dua manĝometo:** *Kazeaj pirogoj*
***Recitado:*** *pensigaj poemoj (Jürgen Wulff)*
**Tria manĝometo:** *Brezita cervaĵo kun kantareloj, piro kun vakcinioj kaj knedlikoj*
***Festprelego***
**Kvara manĝometo:** *Ĉokolada ŝaŭmkremaĵo*
***Muziko***
**Fino de la menuo:** *digestivo, kafo ks.*
***Babilanta Rondo***

**Bonvolu anonciĝi sufiĉe frue ĉe Elsbeth Wielgus, Tel. 254 29 36 aŭ ĉe Benno Klehr, Tel. 43 51 97**

# Jarĉefkunveno 1995

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r.a. okazos Ĵaudon, **23-02-95** je la **20a horo** en la domo Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg.

*la estraro*

---

# Kotizoj por 1995

| | GEA | HES | kune |
|---|---|---|---|
| **ordinara membro** | 90,– | 65,– | 155,– |
| **familiano/sen ensp.** | 30,– | 35,– | 65,– |
| **junulo (ĝis 26j.)** | 30,– | 30,– | 60,– |

Bonvolu pagi sufiĉe frue al la konto de HES:
**Postbank Hamburg** (BLZ 200 100 20) **Konto n-ro 173 22 - 207**

*Hella Lanka dankas!*

---

Wer Dag for Dag sien Arbeit deiht
Un jümmers op'n Posten steiht
Un deiht dat froh un deiht dat geern,
De kann sick ok mal amüseern!

**Kara Elsbeth**,
ni tutkore dankas al vi pro via multa laboro, kiun vi faras konstante dum la tuta jaro. La plej grandan parton de tiu laboro niaj membroj eĉ ne povas konstati, ĉar vi faras tiujn nespektaklajn, nevideblajn, nehonorigatajn laborojn. Ĝuste tiuj laboroj postulas tre multan tempon, kiun investi vi ĉiam pretas. Akceptu nian dankon kun la Platdiĉa sentenco, ke tiu kiu multe laboras ankaŭ foje rajtas ripozi.
Ni deziras agrablan "libertempon" en Decembro!
Nome de la klubanoj: Benno Klehr

# Seminarioj por kursgvidantoj

**De Januaro ĝis Majo 1995, ĉiam la lastan semajnfinon monate en la Hamburga Esperanto-Domo okazos prelegoj, kursoj kaj laborgrupoj por prepariĝi al la ekzameno por kursgvidantoj laŭ la regularo de Germana Esperanto-Instituto.**

Jen la datoj kaj la temoj:

28an / 29an de Januaro – argumentado, Esperanto-movado, konversacio kaj tradukado

25an / 26an de Februaro – literaturo, ekzercoj, konversacio

25an / 26an de Marto – metodiko, didaktiko, lernolibroj kaj kursplanado

29an / 30an de Aprilo – gramatiko, fonetiko, stilo, eviteblaj eraroj, Germanismoj

27an / 28an de Majo – ludoj en lingvo-instruado (Germanlingve de fakulino), ekzercoj

Prelegantoj: *d-ro Werner Bormann, d-ro Vesna Staničić-Burchards, Harald Schicke, Jürgen Wulff, Benno Klehr* kaj aliaj.

Ĉiuj semajnfinaj seminarioj okazos Sabate de 15–18 h kaj Dimanĉe 10–12, 13–16 h. Inkluzive tagmanĝo (Dimanĉe) la kotizo por unu seminario estas *GM* 30.– por membroj kaj junuloj, *GM* 60,– por nemembroj. Tranoktado eblas en la klubejo (senluksa): 1 nokto *GM* 15,– / 2 noktoj *GM* 25,–

La partoprenantoj povas utiligi la Hamburgan Esperanto-Bibliotekon.

**Aliĝojn sendu al Hamburga Esperanto-Societo**
**Klaus-Groth-Straße 95 · 20535 Hamburg**
**aŭ aliĝu telefone: 0 40 / 2 50 30 65**
**aŭ fakse: 0 40 / 6 56 06 59**

# NIA TERURA ENIGMO 6

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | | 14 | | | | | | 15 | | |
| 16 | | | | 17 | 18 | | | | | | |
| 19 | 20 | | 21 | 22 | | | 23 | | 24 | | |
| 25 | | | | | | | 26 | | | 27 | |
| 28 | 29 | | | 30 | | 31 | | 32 | | | |
| 33 | | 34 | | | | | 35 | | | | |
| 36 | | | 37 | | 38 | 39 | | | | | |
| 40 | 41 | | | 42 | | | 43 | 44 | | | |
| 45 | | | | | | | | | | | |

**Atentu!** Nia enigmo estas vere terura. La priskriboj ne estas rektaj klarigoj – foje ili estas eĉ misgvidaj. Tamen eblas eltrovi, se oni iom scias ĵongli en la cerbo.

**Horizontale:** **1** Kunulo de Lanti laŭ Lanti. **9** Filozofa part' antaŭ Aŭrelio pagas. **13** Tia estis la buleo de Karolo IV. **14** Impreso de certa lumfrekvenco. **15** Supren al Zamenhof. **16** Koncentrigil' aŭ male. **17** Aŭtosigno en Bilk aŭ Pempelfort. **18** Doni ion por poste repostuli pli. **19** Granda dio de Asiro.
**22** Lanterno sen lamp' necerta. **23** Unu el tri triaj. **24** Pez' ne ekzistas sen ĝi. **25** En Hamburg la okaz' estis je 7-12-91. **28** La deksepa de la fino. **29** Suker-kolora trinkaĵo. **31** Bofratin' de kanzono por manĝi. **33** Havanta tro grandan estimon de si mem. **35** Tia sin prezentas $y=x^2+2x+2$. **36** Blanka el Sudan', blua el Etiopio. **37** paŝteja altaĵ'. **39** Eĉ ne de unu. **40** Grupekest'. **42** Ankaŭ sen fiŝ' ĝi estas kaŭĉuko. **45** Punkto, punkto, komo, streko – jen montriĝas tiu afero.

**Vertikale:** **1** Tia estas manĝo inter tagmezo kaj vespero. **2** Tiel en grupo aperas tuta aro. **3** Ĉe komenco aŭ fino de maniko. **4** Centro de rotaci' teknike. **5** Franca plastika Aŭgusto. **6** Aldehid' antaŭ digestado. **7** Pikilo de la spino. **8** aŭdkapabligil' de lutro. **9** Aliigo de form' konservante. **10** Malordo en form' geometria. **11** Tia estas grupo de rabistoj kaj eklezia tribunalo. **12** Festa kaŭzo por mortigi infanojn. **20** Komerci malhoneste. **21** Parto de trako.

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08.*Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## DECEMBRO

**1** "Dinner for One" (Video)

**3** *Studrondo*

- 17.00 estrarkunsido -

**8 fermita pro Sabata festo**

**10 Zamenhoffesto Komenco 19a horo**

*– vd. paĝon 3 –*

**17**

**24**

**31**

**La klubejo restas fermita**

## JANUARO '95

**5 klubejo fermita**

**12** *W. Bormann:* **Esperanto-turismo**

**13** *Kabareda Grupo - 18.00*

**14** *Studrondo*

- 17.00 estrarkunsido -

**19** Elsbeth Bormann: **Eŭropa agado**

**26** *Hannelore Brunow:* **Novaj libroj**

**28 Seminario por kursgvidantoj**

*– vd. paĝon 5 –*

**Daŭrigo de maldekstre:**
**26** Skatole en profesio. **27** Tiu land' ankaŭ estas Rusa tero. **30** Senvampiriga legom'. **31** Alvoko al kamaradoj pro glora estonteco. **32** Postĵus antaŭtuj. **34** De maljunul' timata, de sledo atendata. **37** Tiel progresas ĉiu komercisto — kaj aliaj. **38** Ludil' por kaŝi raŭpon. **41** Mallonga nitono. **42** Mallonge el Dramo aŭ Arto. **43** Part' de grupo. **44** Kartona sciigo mallonge. **45** La dekdua litero.

**Solvo de enigmo 5/94**

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 K | 2 O | 3 L | 4 O | 5 R | 6 A | 7 T | 8 U | 9 R | 10 O | 11 F | 12 L |
| 13 A | R | A | B | O | 14 L | A | R | 15 G | 16 B | L | U |
| 17 R | A | B | I | S | T | 18 B | O | R | S | 19 A | K |
| 20 A | T | O | 21 M | 22 I | 23 M | U | 24 N | A | 25 T | R | O |
| 26 K | O | R | O | N | U | L | 27 E | N | 28 R | I | 29 M |
| 30 O | R | A | T | O | R | 31 I | O | 32 D | U | 33 F | U |
| 34 R | O | T | O | 35 N | D | O | 36 F | A | K | U | L |
| 37 U | 38 Z | O | 39 T | U | 40 R | N | I | 41 A | C | I | D |
| 42 M | U | R | E | N | 43 E | 44 S | T | R | O | 45 D | I |
| 46 O | M | I | K | 47 R | A | 48 J | O | Ĉ | J | O | 49 L |

## Junularo kaj Mediprotektado

**Hamburg (jwu) Ankaŭ ĉi-jare la Hamburga Esperanto-Junularo denove havis standon en la "Markthalle" dum la "Jugendumwelttage".**

La 10an kaj 11an de Novembro naturprotektaj asocioj montras, kiel vivi pli sanige, kiel protekti naturon, mem fari kosmetikaĵojn kaj multon pli.

La Esperanto-Junularo informis pri la ebleco de pli facila internacia kunlaboro per Esperanto. Mediprotektado ja ankaŭ en Esperanto-renkontiĝoj ofte estas temo.

## Kurso por progresintoj

**surbaze de "Tesi la Testudo" ne jam komenciĝis en Novembro sed nur en Januaro 1995.**

**Interesitoj anonciĝu ĉe**

**Jürgen Wulff,**
**Bornkamp 12,**
**22043 Hamburg,**
**Tel/Fax 040 - 6560659**

# Haringoj Salitaj

en Hamburg





Kabareda Grupo de Hamburga Esperanto-Societo

## Kiu ŝatas aktori aŭ kanti?

**Hamburg (ehh). Post paŭzo de kelkaj jaroj la kluba kabareda grupo *Haringoj Salitaj* reaktiviĝas. Ĉiu, kiu ŝatas ludi skeĉojn aŭ kanti kanzonojn, povas partopreni en la grupo. Eĉ absolutaj komencantoj estas bonvenaj!** Por eltrovi, kiom da interesitoj estas kaj kion fari la partoprenontoj preferas, la unua renkontiĝo okazos **Vendredon, la 13an de Januaro 1995, je la 18a horo en la Esperanto-Domo**. Celo de la grupo estas, ellabori tre diversspecan programon, kiun ĉiuj kune prezentu dum Zamenhoffesto aŭ aliaj festoj.

# 26a Germana Evangelia Eklezia Kunveno en Hamburg 1995 Moto: "Forigi Ksenofobion"

De la 14a ĝis la 18a de Junio 1995



26. Deutscher Evangelischer Kirchentag Hamburg '95

**Hamburg (hl). Dum la Germana Evangelia Eklezia Kunveno 1995 en Hamburg ankaŭ Esperanto-stando troviĝos inter la diversaj prezentaĵoj. La loko de la Esperantistoj estos en la t.n. *ekumena vilaĝo*, kie renkontiĝos diversnaciaj ekumenaj grupoj. Meze de tiu vilaĝo troviĝos kvazaŭ foirejo, forumo por okazigi diskutojn, prezentaĵojn kaj prelegojn.**

"Forigi Ksenofobion" fakte estas temo, al kiu nia internacia laboro povas kontribui konvene. Kunlabore kun ***GEA*** kaj ***GEJ*** organizos la standon la Hamburgaj Esperantistoj, sub gvidado de ***Hella Lanka***. Estas bona ŝanco, atingi speciale junajn homojn, kiuj kutime estas multaj inter la 100.000 vizitantoj, por varbi por Esperanto. Por tiu ekspozicio estas bezonataj multaj helpantoj, kiuj estos pretaj, helpi dum kelkaj horoj, prezenti Esperanton al la vizitantoj — ne devas esti aktivaj kristanoj — sed Esperantistoj.

# Helpantoj — Deĵorantoj serĉataj!

Se vi volas helpi en la efektivigo de bona Esperanto-stando, bonvolu anonciĝi ĉe *Hella Lanka*, Tel: 89 24 07, aŭ en la Hamburga Esperanto-Domo, Tel: 2 50 30 65.

## Hamburga Esperanto-Societo kore dankas al ĉiuj donacintoj pro la grandanima subteno dum la pasintaj monatoj, kiam ne sufiĉis la klubaj enspezoj.

*la estraro*

## Balotoj en Germanio

**Bonn (ehh). La 16an de Oktobro 1994 okazis balotoj de la federacia parlamento de Germanio.**

Post kiam okazis diversaj atencoj de **neo-Naziaj** grupoj en kelkaj lokoj de Germanio, oni timas en kaj ekster Germanio, ke povus refortiĝi Naziismo en Germanio. Feliĉe ne estas vero, ke la abomeninda semo denove trovas fekundan grundon: En tuta Germanio estas 1,8% kiuj voĉdonis por la plej granda dekstra partio *Republikaner;* por aliaj dekstruloj malpli ol 0,5%. Eĉ en la plej radikalaj kvartaloj de Hamburg la dekstruloj ne atingis la markon de 5%. Ne estas kaŭzo por ĝoji, sed por esperi. Benno Klehr

## Nobelpremio por Esperantisto

**Stockholm/Bonn (faz). Per la ekonomia Nobelpremio 1994 estis honorigita *d-ro Reinhard Selten,* sciencisto en la universitato de Bonn.**

Kaŭzo por la premio estis lia *ludo-teorio;* teorio, kiu komparas la agon kaj la supozitan reagon de la ludantoj al la agmaniero en ekonomio.

La 10an de Decembro en Stockholm okazos la transdono de la premio al la 64jara ekonomikisto. Cetere, eĉ en la fama gazeto *Frankfurter Allgemeine* estis menciita, ke *Reinhard Selten* estas Esperantisto.




**La Balta Maro, nordoriente de Hamburg, limiĝas al la federaciaj landoj Ŝlesvig-Holstinio kaj Meklenburgio-Antaŭpomerio inter Danio kaj Pollando.**

## Ĉu NoGeLo? en Rostock '95

**Neubrandenburg (wp). La Landa Ligo Meklenburgio-Antaŭpomerio de GEA planas komunan renkontiĝon de la nordaj federaciaj landoj en Marto '95.**

"Ni certe ne volas revivigi *Nogelon,* sed organizi kunlaboron inter Ŝlesvig–Holstinio, Hamburgo kaj Meklenburgio–Antaŭpomerio." Tion asertas Werner Pfennig pri la intenco de tiu kunveno. Bedaŭrinde je la redaktofino la preciza dato ankoraŭ ne estis konata.

*Laŭ informilo de Landa Ligo M–A*

## Balt-Mara Renkontiĝo

**Stralsund (HBw). De la 9a ĝis la 11a de Septembro 1994 en Stralsund okazis speciala renkontiĝo.**

Kvankam iom mankas lukso en la fervojista tranoktejo, kie okazis la renkontiĝo, la partoprenantoj povis ĝui interesajn prelegojn kaj vidindan turisman programon. Oni ankaŭ vizitis la faman historian *Scheele–domon,* kie kutime renkontiĝas la loka grupo.

*Hannelore Brunow*

# Hungario – pli ol papriko kaj Píroŝka

**Hungario situas ĉe la sud-orienta rando de Centra Eŭropo. La lando havas areon de 93.030 km², do iom pli ol Aŭstrio. Enloĝas Hungarion 10,2 milionoj da homoj, el kiuj pli ol du milionoj loĝas en la ĉefurbo Budapeŝto (Budapest).**




La pejzaĝo prezentas tri diversajn partojn: La *Malgranda Ebenaĵo* ĉirkaŭ la rivero *Rába*, la *meza montaro* en strio inter la Slovenia limo kaj la urbo *Miskolc* kaj la *Granda Ebenaĵo* oriente kaj sude. La ***Balatona Lago***, ĉ. 80 km sud-okcidente de Budapeŝto, estas la plej granda lago de Centra Eŭropo. La fama Hungara stepo, la *Puszta* hodiaŭ nur plu ekzistas en sia natura formo en la ***Nacia Parko Hortobágy*** ĉe *Debrecen*; la plej granda parto de la lando estas agrikulture uzata. Hungario estas tre ŝatata de turistoj: En kelkaj jaroj estas pli da turistoj ol civitanoj.

**Historio:** Jam en la *Bronza Epoko* vivas homoj en tiu regiono. En la 3a jc. a.K. venas Keltoj, en la sekvaj jarcentoj ankaŭ Ĝermanoj. En la jaro nul la Danubo estas la nord-orienta limo de la Romia kolonio ***Pannonia***. Ĉe la nuna *Budapest* troviĝas la fortikaĵo *Aquincum*. Dum la ***Popolmigrado*** trapasas kaj ekloĝas en la lando dum kelka tempo *Gotoj* kaj *Hunoj*. De post 896 p.K. *Madjaroj* ekloĝas ĉe la Danubo. La militiroj de la ***Madjaroj*** atingas eĉ Konstantinopolon, sudan Italion, Francion kaj nordan Germanion. Post 955 ili restadas en Hungario, kiu ĝis hodiaŭ nomiĝas ***Magyarország***.

En la **Mezepoko** Hungario estas unu el la plej potencaj regnoj en Eŭropo, kiu etendiĝas de la Karpatoj ĝis la Adriatiko. Dum la *Turkinvado* en la 16a jc. Hungario estas dividita inter Osmanoj kaj Aŭstroj. De 1718 la reĝoj de ***Habsburg*** regas la tutan landon ĝis la fino de la Aŭstra-Hungara monarĥio. De post 1920 Hungario havas siajn nunajn limojn.

Ekde 1941 Hungario subtenas Germanion en la milito. En 1944 Germanaj trupoj okupas la landon; 400.000 homoj estas deportitaj en neniigejojn. Sovetaj trupoj okupas la landon en 1945 post la venko super la faŝistoj.

En 1949 estas fondita **popoldemokratia respubliko** laŭ Soveta modelo. Per grandaj protestoj en 1956 la popolo postulas demokratajn reformojn, kiujn malebligas Sovetunio per sia armeo.

En 1988 Hungario kiel unua lando de la socialisma ŝtataro enkondukas liberaligon de la ekonomio. Nova konstitucio en la jaro 1989 ebligas **liberan demokration**. La unuaj liberaj balotoj post la dua mondmilito okazas en 1990.

*Benno Klehr*

# Esperanto en Hummelsbüttel

**Hamburg (ehh). "Club 68", klubo por handikapuloj kaj iliaj amikoj, en norda kvartalo de Hamburg disponigas vastan oferton al la membroj kaj gastoj.**

En la renkontiĝejo en Hummelsbütteler Weg 63 eblas partopreni kursojn pri hobiaj metilaboroj, filmlaboro kaj ankaŭ lerni Esperanton. La Esperanto-kurson gvidas Delia Pick, kiu estas tre aktiva kaj jam gvidis kursojn kaj organizis ekspozicion en la *Kulturdomo Eppendorf.* Ni deziras al ŝi sukceson ankaŭ en la nova cirklo, kie ŝi disvastigas la internacian ideon.

# NDR 4 pri Esperanto

**Vendredon, la 28an de Oktobro je la 15.30 horo, Nordgermana Radio en sia kvara programo elsendis kvaronhoran traktaĵon pri Esperanto.**

Jam en Majo, okaze de la 90jara jubileo de Hamburga Esperanto-Societo, la ĵurnalistino *s-ino Hott* plurfoje vizitis la Esperanto-Domon kaj informis sin pri nia afero. Ŝi faris kelkajn intervjuojn kaj kun granda intereso partoprenis en provleciono.

La elsendaĵo, kiun s-ino Hott ellaboris, estis unu el la plej lerte faritaj kaj pozitivaj, kiu estis aŭdebla dum la pasintaj jaroj. Krom la intenco de la internacia ideo ankaŭ estis priparolitaj la obstakloj de politikaj kaj ekonomiaj kontraŭ-interesoj.

La geparolantoj prezentis ne nur la gramatikon de la lingvo, sed ankaŭ aŭdigis parolatan Esperanton kaj muzikon kun kantado. *Wolfgang Löbel* surbendigis la elsendaĵon kaj disponigis kasedon al la klubo, por ke interesitoj povu aŭskulti ĝin. La kasedo estas luebla en la klubejo.

# HaBaKuk

**Hamburg (ehh). Sub la tiltolo *Hamburgo bakas kukojn* Hamburga Esperanto-Junularo invitis al la unua tiaspeca seminario en Hamburg.**

De la 21a ĝis la 23a de Oktobro 1994 sep partoprenantoj el tri landoj ne nur komune bakis kaj manĝis, sed ankaŭ lernis la necesajn terminojn en la Internacia Lingvo.

La kukoj estis tre variaj; eĉ estis bakitaj *karoto-kuko* kaj *Lorena lardokuko.*

Sabate posttagmeze la grupo promenis al la *Esperanto-Arbo;* fakte la promeno estis 45minuta migrado tien, metroe reen.

Dimanĉe matene (je la 7a horo!) kelkaj fruvekiĝintoj renkontiĝis ĉe la Rivero Elbe por viziti la faman *fiŝfoirejon.*

# Fundapax — ne en Altonaer Str.

**Hamburg (ehh). La Esperanto-instruado kadre de la Unesko-projekto *Fundapax* en la lernejo Altonaer Straße (St. Pauli-Nord) ne okazos.**

Tiu lernejo fakte estas tre interesa, ĉar ĝin vizitas tre multaj infanoj, kies gepatroj ne estas Germanoj. Ĝis la 18a de Oktobro 1994 ĉio ŝajnis iri laŭ la planita vojo: Estis planitaj informado de la infanoj dum la regula instruado, informvespero por la gepatroj kaj kurskomenco la 14an de Novembro, je la 14.30 h. Du tagojn poste, post kiam estis okazinta konferenco de ĉiuj instruistoj de la lernejo, oni sciigis nin, ke la lernejo ne plu interesiĝas partopreni en la *Fundapax*-projekto. Laŭ la informo, kiun ni ricevis, oni trovis pli gravaj aliajn taskojn por la lernejo. Tamen tiu klarigo ne estas tute kontentiga; Bedaŭrinde ni ne scias, ĉu vere estas aliaj gravaj taskoj aŭ iom negativa bildo, kiun havas eksteruloj pri Esperanto – eble post negativa artikolo en *Neue Zürcher Zeitung,* kiu aperis antaŭ nelonge. BK